# FEN-X

ESPERANTO NEDERLAND

*Forumo de Esperanto Nederland*

**www.esperanto-nederland.nl**

Dumonata membrogazeto de *Esperanto Nederland.*
ISSN 1384-6515
Membroj de *Esperanto Nederland* ricevas la gazeton; ĝi estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 15.-
Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio:**
H. Bakker, Kastelenstraat 231, 1082 EG Amsterdam, tel./fakso 020- 64 21 853 <hansbakker@raketnet.nl>.

J.K. Hammer, Taxusstraat 7, 1505 AA Zaandam, tel. 075- 616 69 31, <ko.hammer@planet.nl>.

**Esperanto Publike:**
Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe redaktoro Hans Bakker, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme, Albert 1 straat 44,
BE 1703, Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro:**
Julia De Coster, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado:** Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

**ESPERANTO NEDERLAND**
**Sekretario**
Alfonso Pijnacker, Tulpstraat 110, 2841 AE Moordrecht. Tel. 0182 -37 40 58 aŭ 06-513 762 57 //
<sekretario@esperanto-nederland.nl>.
**Membro-Administranto:**
Remment Balk, Egeïschestraat 42,
8303 EN Emmeloord. Tel. 0527-23 93 78 //
<membroj@esperanto-nederland.nl>.

**Kasisto:** Els ten Hagen-Renses, Middenweg 587, 1704 BH Heerhugowaard. Tel. 072- 571 79 18, <kasisto@esperanto-nederland.nl>.

Poŝtkonto: 37 55 22 nome de ESPERANTO NEDERLAND;
UEA-konto: esne-h

**Informado/informmaterialo:** Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen.
Tel. kaj fakso: 050- 57 18 842.
Retadreso: <info@esperanto-info.nl>.

**Instrua Servo:** Luit Staghouwer, Julianalaan 25, 9781 ED Bedum. Tel.050-301 40 15, <luitstaghouwer@home.nl>.

**Studie-weekeind:**
<studsemajnfino@esperanto-nederland.nl>


## DATOLIMO:

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la fino de majo. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin. Simpla teksto, kiel en elektronika letero, plej taŭgas, sed ankaŭ aldonaĵoj en Word aŭ Wordperfect estas bonaj.

Kompreneble ankaŭ paperaj kontribuoj estas bonvenaj. Krome tre bonvenaj estas bildoj por la frontpaĝo!

## ENHAVO


3. Invito kaj Tagordo por la Ĝenerala kunveno / Agadraporto 2007.
7. La estraro komunikas / Esperanto publike / Konversacia rondo.
8. Ko Nurmi: ĉu Fino? / Studo-semajnfino / Protesto kontraŭ nuklea energio.
9. Recenzo: El verva vivo ĵurnalista / Joseph Bicingini Apasa.
10. Jilde Stern: La espero estas antaŭpago pri estonta feliĉo / Kursoj ĉe la Amsterdama Universitato.
12. Homoj kaj nomoj (2).
13. Projekto verkado: La kaŝita trezoro / En malluma nokto / Ĉu ŝtelistoj?
15. Ferme rustinta: tradukoj / Kiu lingvo?


## ĈE PAĜO 1:

Jószai Sándor: stratnomŝildo por Hódmezövázárhely, Hungario. Ekde 1993 en Zaandam.

## DE LA REDAKCIO.

Multaj oficialaj komunikoj postulis spacon, kaj por aliaj artikoloj mankis la necesa spaco. Sed feliĉe, per aldona folio ni ricevis kvar aldonojn paĝojn. Pro tio ni povis tamen prezenti al viu aron de tre diversaj artikoloj, kiuj esperebIe ĝojigas vin.

Post longa foresto Ko Nurmi denove kontribuis kaj petas vian atenton pri grava problemo (8).

Wim Jansen en longa artikolo klarigas pri sia grava laboro ĉe la Universitato de Amsterdam (10).

El la Projekto Verkado rezultis tri rakontoj. Niaj membroj klare disponas pri riĉa fantazio (13).

Ni ankaŭ invitas komencantojn ke ili verku rakontojn, la redakcio, kaj certe la kontrolisto Rob Moerbeek volonte zorgos ke la teksto aperos korekte en nia gazeto!

Malfacila tasko por la redaktoro ĉiam estas trovi taŭgan bildon por la unua paĝo... Sed membro kun tiom da fantazio certe sukcesos solvi ankoraŭ tiun problem(et)on.

Ĉi-jare la Universala Kongreso estas en Rotterdam, kaj multaj eksterlandanoj vizitos nian landon. Kion ni montru al ili? Kio (krom la kongreso mem) povus esti la plej valora parto de ilia vizito? Kiel vi regalus viajn eksterlandajn gastojn? Sendu viajn ideojn al la redakcio por la venonta numero, mi petas.

La redakcio.

## KONTAKTO kun la ASOCIO

**sekretario@esperanto-nederland.nl (Alfons)**
Por normalaj komunikoj al la estraro kaj korespondo.

**estraro@esperanto-nederland.nl (estraro kun Ineke)**
Por aferoj tiom gravaj ke la kompleta estraro tuj konu ilin.

**membroj@esperanto-nederland.nl (Remment)**
Por transdoni ŝanĝojn en adresoj, telefon-numeroj ktp, aŭ pri mankantaj numeroj de Fen-X.

**redakcio@esperanto-nederland.nl (redakcio Fen-X)**
Por ĉio kio rilatas al la ENHAVO de Fen-X, do ne por transdoni adresŝanĝojn, kaj ne por peti mankantajn (aŭ ne-ricevitajn) numerojn ktp.

# ĜENERALA KUNVENO 2008

## INVITO

La estraro invitas vin partopreni la 17-an Ĝeneralan kunvenon, kiu okazos la 24-an de majo 2008 en Vergadercentrum Vredenburg, Vredenburg 19 en Utrecht.
Vergadercentrum Vredenburg situas ekster la butikcentro Hoog Catharijne, ĝuste fronte al la Muziekcentrum Vredenburg, kiun oni nun malkonstruas. La enirejo de la vergadercentrum estas flanke de la vendejo C & A.
Veninte per trajno en la centra stacidomo de Utrecht, direktu vin al Centrum/Hoog Catharijne kaj sekvu la tabuletojn Vredenburg.
Sekvinte la direkton Vredenburg vi forlasu la vendohalon ĉe Vroom en Dreesmann, iru maldekstren kaj transiru - post ĉ. 100 metroj - la straton al numero 19.

## TAGORDO

Membro povas reprezenti maksimume 2 aliajn membrojn, se li/ŝi transdonis subskribitajn mandatojn al la registranto.

**00. Alveno ekde la 10.00 h.**
**01. Malfermo de la Ĝenerala kunveno je la 10.30 h.**
Rememoro de la forpasintaj membroj.
**02. Fikso de la Tagordo / Envenintaĵoj.**
**03. Protokolo pri la 16-a Ĝenerala kunveno je la 9-a de junio 2007.**
**04. Agadraporto pri 2007.**
**05. Financaj raportoj pri 2007.**
5.1. Raporto de la kaskontrol-komisiono.
5.2. Rezultkonto pri 2007.
5.3. Bilanco je 31-12-2007.
**06. Proponoj.**
6.1. Fikso de la kotizoj 2009. La estraro de Esperanto Nederland proponas ne ŝanĝi.
6.2. La estraro proponas, rilate al artikolo 15 de la Statuto, permesi al la estraro bontrove ŝanĝi la investadon (vendi kaj aĉeti firmajn valorojn) sen observo de la limigita sumo de 1134 eŭroj (2500 guldenoj).
6.3. La estraro proponas, rilate al artikolo 15 de la Statuto, rajtigi la estraron interkonsenti kontrakton kun Internacia Esperanto-Instituto en Hago pri kvinjara (2008-2012) subteno de € 5000,00 jare. Tiu kontrakto koncernas la katedron “Interlinguïstiek en Esperanto” en la Universitato de Amsterdamo.
6.4. Buĝeto kaj Laborplano 2008.
**07. Elektoj.**
7.1. Estraro: Ne estas kandidatoj.
Ans Bakker-ten Hagen kaj Hans Bakker demisias kaj ne estas reelekteblaj.
7.2. Kaskontrol-komisiono: Laŭstatute la tuta komisiono ĉiujare demisias.
7.3. Arbitracia komisiono: Marc van Oostendorp laŭskeme demisias kaj estas reelektebla.
**08. Jubileantoj.**
**09. Verloren van Themaat-premio.**
**10. Ronddemandado.**
**11. Adiaŭ. Ans Bakker-ten Hagen kaj Hans Bakker forlasas definitive la estraron.**
**12. Fermo je la 12.30 h.Lunĉpaŭzo 12.30 – 13.30 h.**
La tempo kaj la daŭro iom dependas de la diskutado.
Dum la paŭzo funkcias la UEA-Libroservo.

## POSTTAGMEZA PROGRAMO 13.30 H – 15.30 H.

1. Katalin Kovats, mondkonata lingvisto.
Nova libro, tradukita de Roel Haveman:
Komuna Eŭropa Referenckadro por Modernaj Fremdaj Lingvoj: Lerni, instrui kaj ekzameni.
Katalin Kovats parolos pri la nova libro kaj ties sekvoj en Esperantujo.
2. LKK-anoj parolos pri la Universala Kongreso en Roterdamo
Ans Bakker-ten Hagen prilumos la Kongreson kaj Marijke Lathouwers informos pri la taskoj de la helpantoj.
3. Adiaŭa babilado.

**Absoluta fino: 16.00 h.**

## AGADRAPORTO 2007,

#### LAŬ NUMEROJ DE LA BUĜETO KAJ LABORPLANO 2007.

**1.1. Banko / Kapitalo.**
Ĝis nun “Postbank” finance servis nian asocion. La Ĝenerala kunveno 2007 decidis ke ni agu etike kaj atentu pacon kaj medion. La estraro petis informojn kaj pridiskutis eventualan elekton de aliaj banko kaj investado. La estraro ankoraŭ ne decidis, interalie ĉar laŭ nia Statuto la estraro ĉe grandaj sumoj bezonas permeson de la Ĝenerala kunveno.
Nia asocio estas “een Algemeen Nut Beogende Instelling (ANBI)”. Tio gravas rilate donacojn kaj heredaĵojn.
**1.2. Faulhaber-Fonduso.**
Okazis interna transnoto por eviti negativan saldon.
**1.3. Mabesoone-Fonduso.**
El la fonduso nia faka sekcio NGGE ricevis subvencion por aranĝo kun azianoj.
**2.1. Estraro.**
Ekde 01-01-2007 funkciis 5 estraranoj. (Hans Bakker, Els van Dijk-Kuperus, Els ten Hagen-Renses, Joke Hoobroeckx-Dooren kaj Alfonso Pijnacker.) En la Ĝenerala kunveno 2007 la estrarano por Utiligado (i.a. Faulhaber-semajnfino), Els van Dijk, laŭskeme definitive demisiis kaj per tio la estraro perdis samtempe sian provizoran prezidanton.
Reelektiĝis la kasisto, Els ten Hagen. Nova prezidanto elektiĝis, Ans Bakker-ten Hagen, por unu jaro, esperante ke en 2008 estos nova, pli juna kandidato. Do, ankaŭ ekde 09-06-2007 funkciis 5 estraranoj.
Cetere, la estraro spertis daŭre la helpon de la informprizorganto Ineke Emmelkamp, kiu ankaŭ partoprenis la kunvenojn.
Entute 8 fojojn la estraro kunvenis, plej ofte en

Utrecht, kaj cetere estis retaj kaj telefonaj kontaktoj.
Gravis la varbado por novaj estrar-kandidatoj.
Zorgego, ankoraŭ sen solvo kaj sentebla kiel plago.
La estraro pristudis la asocian Statuton kaj fine decidis ne prezenti novigojn.
Kontakto kun NEJ por kunlaborado ne realiĝis ĉar la NEJ-estraro dediĉis sin al internaj aferoj.

**2.2. Membroj, subtenantoj, eksterlandaj abonoj.**
La membro-administranto, Remment Balk, registris la ŝanĝiĝojn kaj liveris la adres-etikedojn por Fen-X.
La asocio nombris 369 membrojn je 01-01-2007 kaj 342 membrojn je 31-12-2007. Nu, entute 10 estis novaj kaj 37 eksaj.
Estis 5 apartaj abonoj eksterlandaj.
El la membroj 175 havas 30 ĝis 69 jarojn, dum 155 havas pli ol 70 jarojn.
Ne estis donacantoj kun devigita kotizo.

**2.3. Membro-kunveno.**
Estis unu Ĝenerala kunveno en Utrecht.

**2.4. Arkivo.**
Ni mem ne prizorgas propran arkivon. Ni transdonas laŭ interkonsento interesan materialon al la Fondaĵo "Internationaal Instituut voor Sociale Geschiedenis" en Amsterdamo.
En 2007 ni deponis du skatolojn da malnovaj Esperanto-stud-/lernolibr(et)oj nederlandlingvaj.

**2.5. Goslinga-kolekto.**
La kolekto troviĝas ne taŭge ordigita en ujoj.
Nia membro Atilio Orellano Rojas akceptis la taskon ordigi la kolekton por montrado al la ekstera publiko por ke ĝi povu servi por propagando. Fine de 2007 la ordigo ankoraŭ ne estis preta.

**2.6. Esperanto Publike.**
Estrarano Hans Bakker faris la taskon.
Regule aperis en Fen-X artikolo pri kolektitaj noticoj el la amaskomunikiloj. Tiuj noticoj samtempe servas la VerLoren van Themaat-ĵurion.

**3.1. Kaskontrolo.**
La komisiono, nomumita en 2006, konsistis el la membroj Jeannette Bosse, Johan Derks, Bert Engel kaj Arjen-Sjoerd de Vries. Derks forlasis la asocion, restis do 3 membroj. La komisiono kontrolis unu fojon, nome ĝuste antaŭ la ĝenerala kunveno 2007.
Ekde la Ĝenerala kunveno 2007 la komisiono nombras 4 membrojn: Bosse, Engel, Jacques Tuinder kaj De Vries.

**3.2. Arbitracio.**
Ne necesis arbitracii.
La komisiono havas 3 anojn (Marc van Oostendorp, Kees Ruig, Anneke Schouten-Buys) kaj 1 anstataŭanton (Ko Hammer). Laŭ la elektoskemo la komisiono estas nomumita por la periodo 2007-2010.

**3.3. Verloren van Themaat-premio.**
La 3-persona ĵurio (du membroj: Wil van Ganswijk kaj Kees Ruig kaj unu ekstera fakulo, Silvia Pilger) konstatis magran rikolton el la amaskomunikado kaj decidis ke la Agado E3 estas bona kaj daŭra propagando por Esperanto.

**4.1. Informado.**
Jam estas vaste konate ke specife Informado havas gravan sponsoron. La kasisto raportis pri tio en Fen-X 2007/numero 6.

4.1.1. Estrarano Joke Hoobroeckx gvidis la aferojn. Estis leterkampanjo en kiu ĉiuj komunumoj ricevis peton doni la nomojn Esperanto kaj Zamenhof al komunumaj vojoj. Unua celo estis konsciigi politikistojn kaj oficistojn pri Esperanto. Revenis kelkaj pozitivaj reagoj.
Membro Ronaldo Nobel' partoprenis en la Nederlanda Socia Forumo kaj estrarano Joke Hoobroeckx vizitis la Edukan Foiron en Jaarbeurs (Utrecht) kaj disdonis informilojn.
Okaze de la Eŭropa Tago de la Lingvoj kaj la Tago de la Gepatraj Lingvoj estis senditaj leteroj al la frakcioj de la politikaj partioj en la Dua ĉambro, al la ministro de Edukado kaj al la gazetoj.
4.1.2. Ineke Emmelkamp prizorgis daŭre la alsendon de informmaterialo al petantoj, jes- kaj ne-esperantistoj. Disponeblaj estis jenaj informiloj: Sleuteltje, 2e Taal voor iedereen, paĝindikilo, Esperanto - zó op zak, studsemajnfinoj de ESPERANTO NEDERLAND, memfaritaj informiloj pri Pasporta Servo kaj NEJ.
Entute 340 kovertoj kun informoj pri Esperanto estas senditaj. El la petoj la plej ofta aĝo estis 20 -30, la plej ofta provinco Norda Holando kaj la pinta monato julio.
Krome envenis petoj traduki tekstojn.




4.1.3. Laŭ plano estis atento por la venonta UK, kiun ĉi-jare organizas UEA. Konkretiĝis Loka Kongresa Komitato (LKK), en kiu partoprenas kelkaj el niaj membroj, jes- kaj ne-estraranoj.

**4.2. Instruado.**
4.2.1. La estraro ne trovis estraranon / estrarkandidaton kiu specife pretas gvidi la aferojn. La estraro petis (sen pozitiva rezulto) al Teleac elsendi novajn kursojn, kaj al Assimil eldoni ilin.
Al nia sekcio NGGE la estraro petis kompili novan kurson (kursmaterialon) kiu gvidu al la oficiala UEA/ ILEI-ekzameno.

**4.2.2. Instrua servo**.
Luit Staghouwer kunordigis la servon.
La rezultoj en la pasintaj jaroj ne estis vere esperigaj por la jaro 2007. Nu, la okupoj de Instrua Servo en la jaro 2007 estis preskaŭ nulo, nur unu persono petis informojn. Ne venis kontrolendaj taskoj kaj pro tio neniu tasko estis por la teamo de korektant(in)oj.

**4.2.3. Studsemajnfinoj.**
La membroj Marijke Lathouwers (kunordiganto) kaj Juri Smolders (administranto) organizis tradicie 2 studsemajnfinojn por paroligi. Al la semajnfino en

Bornerbroek (marto) partoprenis 29 personoj, el kiuj 4 germanoj, dum la semajnfino en Vlaardingen (novembro) altiris 19 personojn, el kiuj 1 hispanon kaj 2 germanojn.
Laŭdon meritis la organizintoj ĉar sendube tiu ĉi agado estas ege grava.

**4.2.4. Subvencio (Katedro Interlingvistiko kaj Esperanto).**

La katedro pli kaj pli sukcesas danke al la docento, Wim Jansen, kiu eĉ doktoriĝis kaj verkis nederlandlingve la libron "La Vortordo en Esperanto".
La Internacia Esperanto-Instituto en Hago respondecas pri la Katedro dum ESPERANTO NEDERLAND kunfinancas ĝin.
La estraro de ESPERANTO NEDERLAND regule priparolis la evoluon kun IEI kaj la docento.

4.2.5. Eventuala subvencio.

Apartaj Esperanto-lekcioj en la universitato postulis 5292 eŭrojn kaj eblis nur danke al donacantoj. En marto 2006 ankoraŭ estis deficito de 1660 eŭroj kaj ESPERANTO NEDERLAND tiam kondiĉe garantiis al IEI tiun sumon. Fine de 2007 la truo malgrandiĝis ĝis 1162 eŭroj.

**4.3. Utiligado.**

4.3.1. Estrarano Els van Dijk, funkcianta ĝis la Ĝenerala kunveno 2007, gvidis la aferojn. Nova estrarano-gvidanto urĝe bezonatas.

**4.3.2. Kultura aranĝo (Faulhaber-semajnfino).**

Komisiono (Els van Dijk, Ineke Emmelkamp, Els ten Hagen) kune kun teamo el Nordwalde (Germanio) aranĝis ĝin.
Longjara tradicio estis interrompita en 2006, sed troviĝis nova formo: Komuna Kongreso kun la esperantistoj en Münster. Bona kialo estis la 100 jara datreveno de la apero de Esperanto en Münster.
Temo de la Komuna Kongreso estis "Esperanto inter najbaroj en Eŭropo".
Tri prelegantoj, el kiuj 2 konataj en Nederlando, kaptis la atenton kaj 2 muzikeroj (popmuziko kaj folklora hxorokantado) ĝuigis la aŭskultantojn. Okazis ekskurso al la centro de Münster kaj estis ekumena Dio-servo. Restis eĉ tempo por promenado en la arbaro apud la konferencejo.
Partoprenis 81 personoj, el kiuj 37 nederlandanoj.

**4.3.3. Biblioteko.**

Nia biblioteko troviĝas en la Universitato de Amsterdamo, kiu mastrumas ĝin. En Fen-X, numero 5/2007, troviĝas pliaj informoj.

**4.3.4. Brokantaĵoj**.

Estraranoj Alfonso Pijnacker kaj Els ten Hagen prizorgis la transportojn.
El pliaj heredaĵoj ni ricevis kvanton da libroj, kiun ni transdonis grandparte al UEA (Hodler-biblioteko kaj Libro Servo), IEI (studbiblioteko) kaj NGGE (Agado por Kubo). Kelkajn materialojn ni rezervis por la arkivo kaj kelkaj studlibroj servas instruistojn.
Por la ankoraŭ restantaj brokantaĵoj, plurfoje montrataj, ne ekzistas interesiĝo. Iam pri tio ni decidu.

**4.3.5. Libro- kaj abonservo.**

La UEA-Libro-Servo tradicie prizorgis la libro- kaj abonservon. ESPERANTO NEDERLAND posedas ankoraŭ stoketon da libroj kiu vendiĝas pere de UEA.
Alvenis ideoj / proponoj por eldono de libroj. Pro la financa risko la estraro decidis ke ESPERANTO NEDERLAND ne mem eldonu. Kaj hasto (eldono antaŭ la UK) ne estas bona konsilanto.
Finfine la estraro decidis eldoni broŝureton kiel donacon en 2008 al la kongresanoj en Roterdamo.

**4.4. Fen-X.**

La membrogazeto Fen-X aperadis akurate sesfoje en 2007, redaktata de du redaktoroj (Ko Hammer kaj Hans Bakker) kun helpo de korektanto, Rob Moerbeek. ĉiu numero havis 16 paĝojn plus 4 paĝojn aparte elpreneblajn. Kunlaboris du belgoj, respektive por la Lingva Rubriko (Emiel van Damme) kaj la tekniko (Julia de Coster). Presadon kaj sendadon prizorgas Flandra Esperanto-Ligo.

**4.5. Retejo.**

Nia membro Bert Klijn prizorgis nian retejon <www. esperanto-nederland.nl>.
Daŭre ekzistis paĝaro pri Esperanto kaj ESPERANTO NEDERLAND en la TutTera Teksaĵo.
Provizore helpis estrarano Joke Hoobroeckx kaj kelkaj aliaj membroj, inter kiuj Ineke Emmelkamp kaj Koos Scharroo.
Restis la bezono de speciala estrarano-gvidanto kiu respondecu.
En 2007 entute 21.000 vizitantoj vizitis la retejon. Averaĝe en tago estis po 57 vizitantoj. La 21-an de septembro ni havis la plej grandan kvanton da vizitantoj.
La 5 plej vizititaj paĝoj estis:
1. ĉefpaĝo, 2. la paĝo por peti informon pri Esperanto, 3. paĝo Kiel lerni, 4. Informo pri la studo-semajnfino, 5. kalendaro.

**5.1. UEA.**

Nia reprezentanto, Ans Bakker (UEA-Komitatano A 2007-2010), partoprenis la Universalan Kongreson en Jokohamo (Japanio) kaj vivtenis la kontaktojn kun UEA.
En la Komitata Kunsido elektiĝis nova estraro. Ĝi konsistas el sep personoj. Tiuj venas el diversaj mondopartoj: Azio (2), Sud-Ameriko (1), okcidenta Eŭropo (3) kaj orienta Eŭropo (1).
La estraro de UEA decidis mem inviti kaj organizi la Universalan Kongreson en 2008.
En tiu jaro la asocio estos 100-jara. Tion oni celebros en la urbo kie troviĝas la ĉefa sidejo de UEA, Rotterdam.
En 2007, post longa periodo de malsano, mortis la oficisto pri financo kaj administrado. La forpaso de Marvin Stanley estis grava perdo por la kolegoj.
La UEA-kotizo sumiĝas je 1,14 eŭroj por ĉiu membro ne estanta individua UEA-membro.

**5.2. EŬROPA ESPERANTO-UNIO**

Nia reprezentanto, Hans Adriaanse, (nomumita fine de 2006) partoprenis la EEU-Kongreson en Maribor (Slovenio) kaj post tio rezignis sian taskon.
La estraro nun ne aktive serĉas novan reprezentanton, sed ja pagas la kotizon kaj vivtenas la kontaktojn pere de la sekretario. EEU mem

informas la publikon pere de propra retejo kaj retaj novaĵleteroj.
La EEU-kotizo sumiĝas je 0,50 eŭro por ĉiu membro.
**5.3. Komerca ĉambro.**
Nia asocio estas oficiale registrita ĉe la Komerca ĉambro.
**6.1. Fakaj Sekcioj (kaj kontaktpersonoj)**.
**KUNE** estas kaj Kristana sekcio de ESPERANTO NEDERLAND kaj Nederlanda sekcio de Kristana Esperantista Ligo Internacia (KELI). En 2007 estis 18 membroj kaj unu familia membro. Bedaŭrinde la membrokvanto denove malkreskis iom.
Kelkaj aktivaj membroj vojaĝis eksterlanden aŭ aktivis ene de ESPERANTO NEDERLAND. Aperis membro-informilo 2 fojojn. Dum la Kultura Semajnfino en Nordwalde (18-21 oktobro) Esperanto-Diservo estis organizita.
**NGGE** estas kaj Instruista sekcio de ESPERANTO NEDERLAND kaj Nederlanda sekcio de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI). Fine de 2007 estis 29 membroj. La kunvenoj estas aranĝitaj en la sidejo la Internacia Esperanto-Instituto (IEI) en Hago. Unu el la membroj, Wil van Ganswijk, estis nomumita pro siaj elstare sukcesaj retaj kaj parolaj kursoj Honora Membro ankaŭ de NGGE. Dum la ILEI-Konferenco ŝi estis nomumita Honora Membro de ILEI.
Okazis unu studotago kun la ĉeftemo Azia uzo de Esperanto.
Sekcia revueto NGGE Sciigas aperis 3-foje.

**6.2. Regionaj Sekcioj (kaj kontaktpersonoj).**

**ALKMAAR**
Fine de 2007 la sekcio havis 35 membrojn. Meznombre 13 personoj kunvenis 10 fojojn en salono De Watertoren. Estis komuna manĝado, biciklado, hxorkantado, konversacia rondo, tradukado, ktp. La bulteno "La Fromaĝoklośo" aperis 4-foje. Komenciĝis preparo por tritaga renkontiĝo antaŭ la UK en 2008. Gastis prelegantino el Pollando.
La sekcio aranĝis apartan kurson por komencantoj.

**AMSTERDAMO**
Ankoraŭ tro frue por paroli pri sekcio, tamen membro Peter Ebenau aranĝis kunvenojn por ke la Amsterdama Esperanto-vivo renaskiĝu.

**EINDHOVEN**
Fine de 2007 la Esperanto-Klubo Eindhoven (EKE) havis 18 membrojn kaj 1 donacanton. Meznombre 11 personoj kunvenis 10 fojojn. La programo enhavis gramatikaĵojn, skrablon, vivantan gazeton, konversacion ktp. Estis ekskursoj al Boxtel kaj Helmond. Kelkaj membroj partoprenis Esperanto-aranĝojn eksterlandajn.
Gastiĝis prelegantino el Belgio kaj ferivojaĝanto el Brazilo.
La sekcio ne aranĝis apartan kurson.

**HAARLEM**
Fine de 2007 la sekcio havis 15 membrojn kaj 6 subtenantojn. La membroj kunvenis en la hejmoj de kelkaj membroj. La programo variis sed plej ofte enhavis konversacion. I.a. membro parolis pri la S.A.T.-kongreso en Anthony apud Parizo, kiun ŝi vizitis.
Bulteno ESPERANTO NEDERLAND/afdeling Haarlem regule aperis.

**HEEMSKERK**
Fine de 2007 la grupo havis 4 membrojn. Ne estis normala klubkunveno, sed la membroj estis ege aktivaj. Unu el ili iĝis eĉ Volontulo de la Jaro en Heemskerk. La grupo estas membro de la platformo por evoluhelpo Heemskerk Kijkt Verder kaj informis pri Esperanto dum agado de tiu platformo. La grupo ankaŭ partoprenis en Kristnaskfoiro en Beverwijk.

**NIJMEGEN**
Fine de 2007 la societo Zamenhof havis 15 membrojn kaj 8 donacantojn. Estis 16 kunvenoj en kvartaldomo kaj la programo enhavis i.a. rakontadon, vivantan gazeton, kvizon.
Bulteno aperis 5-foje kaj estas sendita al Litovio kaj Madagaskaro.
La sekcio kolektas monon por Bona Espero en Brazilo.

**NOORD NEDERLAND**
Fine de 2007 la kuniĝintaj sekcioj Groningen-Drente kaj Frisa Esperantista Rondo havis 46 membrojn kaj 13 donacantojn. Meznombre 8 personoj kunvenis 18 fojojn. La programo enhavis prelegojn, vivantan gazeton, gramatikon, kvizon, bildenigmojn ktp. Estis ŝipveturado tra Frislando, speciala jubilea aktivaĵo, al kiu partoprenis ankaŭ germanoj, belgoj kaj svedo.
Ekzistas propra retejo <www.pingveno.nl>.
Propagando en budo okazis 2-foje..
Bulteno "La verda Stelo" aperis 3 fojojn.
Daŭre estis instruado per interreto kaj buŝa instruado al kelkaj personoj.

**OOST VELUWE**
Tiu ĉi sekcio nek havas sekretarion, nek surpapere raportados. Tamen ĝi agadas, kunvenas kaj invitas gastojn. Informojn donas ĝia propra retejo <www.esperanto-oostveluwe.nl>. Sendube ĝi estas antaŭiranto de nia tuta asocio.

**ROTERDAMO**
Fine de 2007 la societo Merkurio havis 9 membrojn kaj 2 subtenantojn. Meznombre 5 personoj kunvenis 17 fojojn en la Centra Oficejo de UEA. Ĝenerale la programo enhavis gramatikaĵojn, vivantan gazeton, lingvoludon, tradukadon, komunan legadon. La bulteno Roterdama Stelo aperis 4-foje. La sekcio havas kontakton kun Esperanto-klubo en Kobe (Japanio).
La sekcio ne aranĝas apartan kurson.

**7.1. Fleksebleco kaj liberaj donacoj.**
Ne estis menciindaj aferoj kiuj neatendite postulis tempon, monon kaj energion.
Jes estis donacantoj kiuj libere, malavare kontribuis.
Kaj plej gravis individuaj agoj, malofte aŭ neniam prilumitaj.

Kompilis: Alfonso Pijnacker,
<sekretario@esperanto-nederland.nl>

## LA ESTRARO KOMUNIKAS

Ĝis la fino de marto okazis tri estrarkunsidoj. Kompreneble la preparoj por la Ĝenerala Membrokunveno (24-05-2008) postulis atenton kaj tempon. Alfonso Pijnacker okupiĝis pri la tasko akiri tekstojn kaj kompili la jarraporton. Pri la rezulto juĝos la membroj.

Gravan problemon antaŭvidas la estraro post la monato majo.

La estrarano Hans Bakker demisias laŭskeme. Li ne estas reelektebla. Ankaŭ Ans Bakker-ten Hagen, kiu elektiĝis pasintjare en la vaka funkcio de prezidanto, demisias laŭskeme kaj ne kandidatiĝas por nova periodo.

Tiun problemon alfrontu la tuta membraro, ne nur la estraranoj kiuj restas.

Ne plu eblas fari proponojn por la vakantaj lokoj.

Ja eblas - interkonsente kun la estraro - havi staĝan periodon dum la venonta jaro. Pripensu la ideon! Estas bela okazo konatiĝi kun la estrara laboro......

Tamen, en la centa (!) kunsido de la estraro de ESPERANTO NEDERLAND regis kontento pri ĉio kion atingis la Asocio, malgraŭ malgranda membronombro. Tiujn atingojn ni dankas al la fidela kunlaboro de aktiva kadro kaj al la financa helpo de pluraj membroj. Dankesprimon ni sendis al tiuj kunlaborantoj.

Dume Joke Hoobroeckx daŭrigas la kontaktojn kun komunumestraroj (pri stratnomoj). En antaŭa numero de Fen-X vi legis pri sukcesoj kaj certe la agado rezultigos pliajn pozitivajn reagojn.

Els ten Hagen, Hans kaj Ans Bakker-ten Hagen partoprenis en la Lingva Festivalo, organizita en Leuven. Tiu sperto igis nin kontakti kelkajn instancojn cele al realigo de tia Festivalo en Nederlando. Kvankam realigo de tiu deziro ne okazos ĉirkaŭ la Universala Kongreso, ni fidas pri konkretigo de la ideo en baldaŭa estonto.

Ineke Emmelkamp reagis al pluraj informpetoj. Krom tio ŝi sendis propagandilojn al UEA. La Centra Oficejo havos informan standon dum kelkaj monatoj en la ĉefa biblioteko de Rotterdam kaj niaj nederlandlingvaj informiloj estas bonvenaj.

ESPERANTO NEDERLAND reprezentiĝis en jubilea kunveno de la 60-jara Wereld-Federalisten Beweging Nederland. Nia prezidanto per kelkaj vortoj publike gratulis la jubileantojn. (En nia retejo vi trovos la tekston.)

Okazis la «printempa» stud-semajnfino. Inter la partoprenantoj ĉiam troviĝas iu(j) kiu(j) hazarde konatiĝis kun Esperanto pro retaj informoj. Ni fieras ke la teamo kiu organizas la semajnfinojn kaj tiuj kiuj instruas, scipovas krei allogan etoson por partoprenantoj de diversaj aĝoj. Ni esperas foje vidi tiujn entuziasmulojn en niaj aliaj kunvenoj.

Ni komprenis ke d-ro Wim Jansen, la Universitato de Amsterdam kaj la kuratoroj interkonsentas pri la programo «Interlinguïstiek en Esperanto» en la venontaj jaroj.

Gravas ke la estraro de Internacia Esperanto-Instituto nun faru la paŝojn por ke la universitato nomumu Wim Jansen profesoro pri la katedro. La estraro de *ESPERANTO NEDERLAND* siaflanke faciligis la vojon por IEI.

Ans Bakker-ten Hagen.




*Ans kaj Hans Bakker - ili restos fidelaj, sed ekde nun mankos en la estraro.*

## ESPERANTO PUBLIKE

Esperanto aperas foje en stranga medio. Jen "Autokrant" de la 20-a de februaro trovis angulon por anonci: «Esperantohof in Beverwijk?» Temas pri letero de s-ino Joke Hoobroeckx, kiu pasintjare dissendis al ĉiuj komunumoj en Nederlando peton bapti straton aŭ placon je Esperanto aŭ Zamenhof. Ankaŭ la urbestraro de Beverwijk ricevis leteron.

La kampanjo de s-ino Hoobroeckx (nome de ESPERANTO NEDERLAND) jam rezultigis tri sukcesojn en sudaj provincoj.

En Heiloo aperadis la kutima senpaga anonceto («Molenwiekje») en kvartalgazeto "De Geestmolen", Alkmaar.

Ankaŭ "Zondagochtendblad" (Heiloo) de la 30-a de marto aperigis kontribuon de Ans Heijstra. Kun titolo «Geen taalproblemen met Esperanto» ŝi reagis al artikolo de la 23-a de marto. Tiu artikolo varbis lokajn familiojn kiuj bonvolas gastigi infanojn el Pollando. Evidente la infanoj renkontos problemojn parolante pole al siaj heiloo-aj gastigantoj. Kiom pli facile estus la komunikado se gastoj kaj gastigontoj preparus sin por la vizito lernante Esperanton anticipe. Ans Heijstra montras la ekzemplon de Alkmaar, kiu uzadas jam delonge Esperanton en rilatoj kun ĝemelaj urboj en kvar eŭropaj landoj. "Metro", la senpaga gazeto por vojaĝantoj, je la 28-a de februaro anoncis: "Nominatie Kohl en Esperanto voor Nobelprijs voor Vrede". Inter preskaŭ 200 kandidatoj ankaŭ ĉi-jare Esperanto ne mankas. (informis Jilde Stern).

Hans Bakker

## KONVERSACIA RONDO

Kees Ruig en Groesbeek volas komenci konversacian rondon por tiuj kiuj volas ekzerci la paroladon de Esperanto.

Por informoj vi telefonu: 024-358 03 20.

## ĈU FINO ?



Certe vi scias pri la longaj promenadoj tra Eŭropo. La plej konata de tiuj promenadoj en Nederlando estas Pieterspad inter Pieterburen en la nordo kaj St.Pietersberg en la sudo. Ruĝ-blankaj indikiloj montras la vojon al la uzantoj de tiuj promenadoj. Skoltoj, iam en la antaŭ-komputila epoko, havis siajn proprajn indikilojn. Du ŝtonoj, unu sur la alia, aŭ cirklo kun punkto en ĝi, montris la finon de la vojo.

Kelkfoje oni eĉ trovis tiun simbolon en anonco pri la morto de iu, kiu estis fervora skolto.

Nun mi montras ĝin ĉi tie... al tio instigas min la situacio de nia asocio. Rigardu la tagordon de la venonta ĝenerala kunveno: denove du estraranoj malaperas, kaj novaj kandidatoj sin ne anoncis.

Ĉu asocio sen (kompleta) estraro kapablos daŭrigi sian ekzistadon??

Tio estus katastrofo por asocio kiu, kvankam ne granda, tamen estas tiel valora ĉar ĝi prezentas solvon por grava socia problemo. Krom tio ni povas renkonti en ĝi homojn, pri kiuj ni povas esti certaj ke ili emas al amikeco, al kontaktoj kun ĉiaj homoj surbaze de reciproka respekto, sed nia asocio ankaŭ havas aliajn valorajn ecojn. Memoru, ke grandan utilon ni havas por homoj en Togolando, kaj Tanzanio, por viktimoj de la politikaj eventoj en iama Jugoslavio. Homoj kun okulaj problemoj ricevas helpon pere de Evidente, kaj multaj infanoj ricevas edukadon en la bieno Bona Espero en Brazilo. Tiuj grandaj valoroj ne perdiĝu!

Karaj geamikoj, ni kune klopodu daŭrigi la laboron kiun Zamenhof komencis. Ni instigu la junulojn ĉirkaŭ ni, ke



ili ne nur per interreto lernu la lingvon, sed ankaŭ aliĝu al nia asocio. Kaj ĉiu el ni, kiu iel kapablas, akceptu taskon en nia asocio. Rekompence pro la feliĉo, kiun ni per Esperantro ricevis en nia vivo.

Jen mi montras al vi la signon kiu validu por ni: tri simplaj ŝtonoj, flanke de nia vivovojo, kiuj diras: daŭrigu!

Ko Nurmi.

---

## LA STUDO-SEMAJNFINO DE MARTO en la NIVON-domo Krikkenhaar.



Ni povas revidi al sukcesplena stud-semajnfino, en kiu partoprenis 22 lernantoj. La plej juna partoprenanto aĝis 11 jarojn, kaj la plej maljuna pli ol 80...

Inter tiuj du troviĝis bunta miksaĵo de diversaĝaj, diversspecaj kaj diversnaciaj homoj, kiuj havis ĉiuj la saman celon: plibonigi la konon de Esperanto, aŭ eĉ dekomence lerni la lingvon.

Du junuloj partoprenis en la prov-ekzamenoj, Christian kaj Richard, kaj ili intencas fari la ekzamenon dum la UK en Roterdamo. Ni deziras al ili multe da sukceso!

Arjen-Sjoerd de Vries kaj Roel Haveman prizorgis la prov-ekzamenojn, kaj la konata triopo Wil v. Ganswijk, Rob Moerbeek kaj Bert de Wit gvidis la tri nivel-grupojn.

Dum la vesperoj ĉiu povis fari kion li volis: ludi tablotenison, kion la junuloj ofte faris ankaŭ dum la paŭzoj dumtage. Kaj fari ludojn, kiel Esperanto-skrablo aŭ kvartet-ludoj, aŭ simple babili kun malnovaj aŭ novaj konatoj. Unu el la germanaj partoprenantoj kunprenis vort-ludojn por fari kun granda grupo. Junuloj kaj malpli-junuloj kune amuziĝis per tio. Estas ĉiam grupo da kantemuloj, kaj nun eĉ du gitar-ludantoj por akompani la kantadon.

## LA VENONTA STUD-SEMAJNFINO

La datoj de la sekvonta stud-semajnfino jam estas konataj: de la 14-a ĝis la 16-a de novembro. Loko: NIVON-domo De Banjaert en Wijk aan Zee, provinco Nordholando.

Ĝi estas tute nova kaj moderna domo, sur la loko kie dum jardekoj estis la antaŭa.(vidu la bildon).

Mi volas averti vin jam nun: Pro aliaj reguloj de ĉi tiu domo vi devas esti ĝustatempe kun via aliĝo. Ni devas lui lokon en la domo laŭ la kvanto de partoprenontoj, do ni ne povas lui la tutan domon. (80 litoj estas tro multe). Ni povis rezervi 30 litojn, kaj havas opcion por dek litoj ĝis la 15-a de oktobro. Post tiu dato oni povas klopodi ĉu aliĝo ankoraŭ eblas, sed oni ne estos certa. Pli da detaloj sekvos en la venonta Fen-X.

<studsemajnfino@esperanto-nederland.nl> aŭ
Marijke Lathouwers, Kruiszwin 1205,
1788 LE Den Helder, Tel: 0223-643781.

Marijke Lathouwers.

## EVENTEO - NOVA ELEGANTA NOVAĴRETEJO

Antaŭ kelkaj tagoj komencis funkcii “Eventeo”, la nova internacia novaĵ-portalo en Esperanto, kie ĉiutage aperas novaĵoj kaj artikoloj el diversaj kontinentoj de la mondo.

Por vizitantoj la strukturo de la portalo donas tre agrablan impreson, la stilo kaj nivelo de la uzata lingvo, kaj ankaŭ la modesta sed eleganta aspekto. Adreso: <htpp://eo.eventeo.net>.

La portalo ankoraŭ estas en testa reĝimo, mankas eĉ la kolofono en la ĉefpaĝo, do la nomoj de personoj en la funkciiga teamo ankoraŭ ne estas publikigitaj. Bonvenaj estas kunlaboro de eksteraj aktivuloj, helpantoj kun bona lingva nivelo.

Szilvási László.

Laŭ raporto de Marian C. Ghilea / fonto: Ret-Info // <http://www.eventoj.hu>.

## EL VERVA VIVO ĴURNALISTA

***RECENZO.***




Flandra Esperanto-Ligo eldonis libron verkitan de Stefan Maul, kun la titolo “El verva vivo ĵurnalista”. Stefan Maul estas konata ĵurnalisto kiu interalie fondis la revuon “Monato”. Multajn jarojn li estis ĝia redaktoro. Ankaŭ sur pluraj aliaj esperantoterenoj li ĵurnaliste aktivis. Multaj esperantistoj konas lian nomon. Lia vivo estis tiom interesa ke li verkis membiografion, kvankam li skribis: “Tiom grava mi ne estas”. Sed “El mia vivo mi plukis nur faktojn kaj spertojn, kiuj ŝajnas al mi esti gravaj por klarigi, kial mi estas kaj restas konvinkita adepto de l’ ideo de L.L. Zamenhof”.
Li estas germano, sed naskiĝis en Slovenio, kie antaŭ la mondmilito loĝis multaj Germanio-devenaj germanoj. Pro la mondmilito tiuj germanoj devis fuĝi, do ankaŭ la knabeto Stefan. La reston de la vivo li loĝas en Germanio. Li naskiĝis en katolika familio kaj jam junaĝe li tre deziris fari i katolika pastro. Pro tio li fariĝis lernanto en seminario. Tamen, pro tute senkulpa aventureto kun knabino la seminariestro malpermesis al ii fariĝi pastro! Granda seniluziiĝo! Dume montriĝis ke li havas ĵurnalistajn ecojn, kio ŝanĝis lian vivokoncepton. Li fariĝis renoma ĵurnalisto por revuoj, ĵurnaloj kaj por Esperanto-revuoj! Nu, pri tio grandparte temas lia membiografio. Mi ne povas reprodukti la detalojn en ĉi tiu recenzo. La enhavo de la libro estas ege interesa. Kion ajn povas travivi profesia ĵurnalisto! Multon! Do la leganto povas mem ĝui tiun vivorakonton. La stilo estas tute nekomplika kaj la vort-uzo tre komprenebla. Unuvorte, ĝi estas klara kiel Zamenhof rekomendis. Nur tre malofte oni devas konsulti vortaron.
Mendebla ĝi estas ĉe UEA. La prezo € 22.26 kaj ĝi tute valoras la prezon.

Mi deziras al vi tre agrablan legadon!
Hein Wernik.

## PRI JOSEPH BICINGINI APASA

Joseph dum la decembra libertempo volis viziti onklon en Belgio. Ĉe la landlimo oni decidis ke liaj paperoj ne estas en ordo kaj arestis lin. Ekde tiam li estas malliberigita. Luit Staghouwer raportas:
Je Pasko mi telefonis al Joseph por ekscii ĉu estas bona novaĵo pri lia situacio. Bedaŭrinde ne estis. Ja venis letero de la Varsovia Kortumo en kiu oni sciigas al Joseph ke li devas resti en la Domo por Rifuĝintoj ĝis la 4-a de majo, anstataŭ ĝis la 21-a de marto. Pasis jam preskaŭ monato de kiam lin vizitis advokatino kaj Joseph subskribis kelkajn paperojn, sed ankaŭ tiu vizito ĝis nun (ŝajne) ne havis rezulton. Mi opinias ke estas malĝojiga situacio, sed Joseph ne jam perdis la kuraĝon. En letero li sciigas: “Mi ja esperas ke iel ĉio solviĝos, do vi ne bezonos cerbumi pri tio.”
Feliĉe Joseph ne estas sola en la “Osrodek dla Uchodzcow” (Domo por Rifuĝintoj). Regule venas novaj loĝantoj, kiuj “kulpas pri la sama krimo” kiel Joseph. Kvankam oni traktas la kelktempajn loĝantojn bone, estas klare ke la tagoj por Joseph estas longaj. Kiam mi proponis al li ke denove mi sendu al li libron, li volonte akceptis tiun proponon. Ĉi tiun fojon mi sendis la, laŭ mia opinio, tre interesan kaj bone verkitan libron “La Ŝtona Urbo” de Anna Löwenstein.
Antaŭ proksimume du semajnoj mi ricevis du leterojn de Joseph. En tiuj leteroj li i.a. sciigis al mi ke li ricevis plurajn salutkartojn de membroj de ESPERANTO NEDERLAND. Nome de Joseph mi tre dankas vin pro tiu por li grava apogo kaj mi volonte plenumas lian peton transdoni al vi la salutojn de Joseph.
En siaj leteroj Joseph respondas al kelkaj demandoj miaj. Ĉar mi opinias ke ankaŭ vi interesiĝas pri tiuj respondoj, mi koncize citas ilin.

**Kial peti azilon en Pollando?**
Sen peto de azilo mi estos sendita al Kongo. Fakte la Kortumo jam decidis tion kaj oni komisiis al la provincestro plenumi tion antaŭ la 21-a de marto.

**Ĉu en Pollando estas same (mal)multe da ebloj trovi postenon kiel en Sud-Afriko?**
Mi opinias ke pli multas laborebloj en Sud-Afriko, precipe se temas pri turismo. Kaj pro diversaj faktoroj mi tie pli feliĉos ol en Pollando. Sed por mi kio gravas nun ne estas lando, sed diplomo de Universitato aŭ Kolegio. Finstudadi estos daŭra solvo al mia ĝisnuna senekvilibrigita vivo.
Mia onklo, kiu invitis min al Belgio, intencis helpi min. Ni intencis priparoli tiun temon dum mia vizito, sed bedaŭrinde mi ne alvenis Belgion. Mi sendis al li leteron, sed ĝis nun li nek telefonis, nek sendis leteron al mi. (En januaro la onklo veturis al Kongo kaj Joseph ne scias kiam lia onklo revenis/revenos al Belgio.)

**Ĉu vi havas konkretan ideon pri via estonteco?**
Sendube mia estonteco estas malluma, sed iam reeklumiĝos, mi esperas! Mi akiris kelkajn adresojn por peti stipendiojn. Akiri stipendion estos daŭra solvo por mi.
Kaze de malsukceso de ĉio ĉi, tiam mi devos reekaranĝi vojaĝon al Sud-Afriko. Sed nuntempe la plej grava afero estas akiri liberecon, ĉio alia poste.
Ni ne multe povas fari por Joseph, sed por li gravas pruvoj de apogo. Se ankaŭ vi (denove) volas sendi salutkarton (leteron) al Joseph, jen lia adreso:
Joseph Bicingini Apasa // p/a Osrodek dla
Uchodzcow / ul. Mickiewicza 34 /
PL 37-700 Przemysl / Pollando / Polen
Amike salutas, Luit Staghouwer, Bedum

## “LA ESPERO ESTAS ANTAŬPAGO PRI ESTONTA FELIĈO” (RIVARO)

*La filmo “Matilda” laŭ la libro de Roald Dahl reĝisorita de D.De Vito, Usono, 1996*

En la fabelo “Matilda” la sesjara inteligenta knabino konfrontiĝas kun malpli talentaj gepatroj. La gepatroj ne estas kapablaj imagi kian deziron ilia filino havas.

En ĉi tiu familio la infano devas sekvi la bezonojn de la gepatroj, tio estas: rigardi televidon, manĝi rapidmanĝaĵon kaj ludi bingoon. Matilda sentas sin tre izolita en la familio kaj ŝi petegas siajn gepatrojn ĉu ŝi povas iri al la lernejo. La gepatroj tenas ŝin hejme pro la penso: “Knabino kun prudento nenie estas akceptata.” Tial Matilda devas zorgi pri la mastrumado kiam posttagmeze ŝia patrino iras al bingo-ludado. Post longa petegado de Matilda iri al la lernejo, ŝi fine sukcesas. Bedaŭrinde la etoso en ĉi tiu lernejo estas suspektinda. La direktorino Agatha misuzas sian povon por malliberigi aŭ humiligi la infanojn. Ŝi postulas plenan obeemon al si kaj disciplinon de ĉiu lernanto kaj kunlaboranto.

Feliĉe ekzistas feina kontraŭulo, nome fraŭlino Honey, inteligenta kaj milda instruistino. Ŝi stimulas Matilda trovi la respondojn de siaj demandoj per propra forto.

Inter ili du ekestas solida amikeco. Matilda rakontas al ŝi la konduton de siaj gepatroj, fraŭlino Honey instruas al Matilda kiel ŝi povas defendi sin per disvolvado de pensforto, tio estas: “Klopodu imagi la situacion alimaniere”.

Kiam ŝiaj gepatroj abrupte volas ŝanĝi loĝejon, Matilda diras al siaj gepatroj ke ŝi volas resti ĉe fraŭlino Honey, por ke ŝi povu finsekvi ties instruadon.

Ŝiaj gepatroj ne kontraŭas. Ili subskribas la necesajn dokumentojn antaŭ sia forveturo. Jam pli frue Matilda komprenis ke ŝi sen dokumentoj laŭleĝaj ne sukcesos kaj tiam... ankaŭ ŝi havigos al si ĉi tiujn dokumentojn (legu Rivaro). Tiumaniere venas netatendita bona fino de ĉi tiu nigra fabelo.

Interpreto: Se estas (kelktempe) nesufiĉa reciproka interkomprenado inter gepatroj kaj infano(j), tiam la gepatroj sciu ke ili povas inviti kunedukanton. Plej bone la infano mem elektu kunedukanton. Tiel la lernkapablo ne stagnas kaj la ekvilibro reboniĝas inter la gepatroj kaj iliaj infanoj.

Lic. Jilde Stern-Agema.

## LA AMSTERDAMAJ KURSOJ PRI KAJ POR ESPERANTO.

Multaj aŭdis pri la katedro ĉe la Universitato de Amsterdamo, kiu okupiĝas pri Esperanto kaj kiun ESPERANTO NEDERLAND kunfinancas. Sed kio konkrete okazas tie? Mi volas ilustri tion per la spertoj, kiujn mi faras ĝuste en tiu ĉi periodo sur la kampo de la instruado. La nomo de la katedro estas *Interlingvistiko kaj Esperanto*. Tio signifas, ke ĝia fako estas la scienco pri la planlingvoj (interlingvistiko) kaj pli speciale ties plej disvastiĝinta kaj socie enradikiĝinta reprezentanto, Esperanto. En tiu fako, la okupanto de la katedro dediĉas sin al esplorado kaj al instruado, kaj pri tiu ĉi lastnomita branĉo mi volas raporti al vi hodiaŭ.

De du jaroj, la instruado efektiviĝas per du kursoj. Unu pri interlingvistiko, kiu estas lingvistika, lingvohistoria kaj lingvosociologia kurso, en kiu Esperanto rolas kiel ekzempla lingvo. Mi nomu ĝin la I-kurso. La alia kurso estas vera Esperanto-kurso, en kiu la studentoj lernas la lingvon. Ni revenu al ĝi sub la mallongigo E-kurso. Ambaŭ kursoj estas libere elekteblaj de interesitaj studentoj, sed ili apartenas al la oficiala studprogramo, proponata de la instru-instituto pri lingvistiko. Tiu, kiu registriĝas por tia kurso, devas necese sekvi ĝin kaj ekzameniĝi pri ĝi, kaj la akiritaj poentoj por I aŭ E eniras en la poentaron de la studento survoje al ties bakalaŭra aŭ magistra diplomiĝo. Ambaŭ kursoj estas plensemestraj, t.e. ili daŭras duonan studjaron kaj liveras al la studento, kiu sukcese ekzameniĝas, po 10 kreditajn poentojn laŭ tuteŭrope rekonita sistemo. Tio signifas, ke eksterlandaj studentoj povas validigi siajn Amsterdamajn I- aŭ E-poentojn en sia hejma universitato.

En tiu ĉi jaro, ambaŭ kursoj okazas en la dua semestro, inter la komenco de februaro kaj junio, kaj ambaŭ altiris rekordan nombron da partoprenantoj: la I-kurson sekvas 17 studentoj, la E-kurson 13. Entute 30 gejunuloj ricevas detalan instruadon pri la lingvoproblemo kaj la solvo, kiun proponas Esperanto, aŭ eĉ lernas la lingvon. En la I-kurso ni uzas la 250-paĝan lernolibron, kiun mi mem verkis, kaj krome la studentoj devas trastudi kelkajn ĉapitrojn el la konata libro *Ĉu nur-angla Euxropo?* de Robert Phillipson. La ekzameno konsistas el tri subekzamenoj plus eseo, kiun oni devas verki

pri aktuala lingvopolitika temo surbaze de la libro de Phillipson. La I-sekvantoj estas studentoj de la angla, franca kaj pola lingvoj, de la nederlanda gestolingvo kaj de filozofio, de lingvo kaj komunikado kaj de artefarita inteligento. En la E-kurso ni trastudas la novan lernolibron *Esperanto volgens de directe methode* de Stano Marĉek, kiu tre plaĉas al ni, kaj malgrandan akompanan kurslibron kun kelkaj specifaĵoj pri la lingvo kaj la movado. Ĉe la fino de la kurso ni estos tralaborintaj la tutan lernolibron kaj la studentoj regos la bazan E-gramatikon kaj posedos relative ampleksan vortstokon. Per tiu sufiĉe kompleta pasiva kono, ĉiu kapablos memstare plustudi la lingvon, perfektiĝi en ĝi aŭ simple ekuzi materialojn verkitajn en Esperanto por sia faka studo. La E-sekvantoj estas studentoj de la angla kaj franca lingvoj, de la nederlanda gestolingvo, de Euxropaj studoj, de lingvo kaj komunikado, filozofio kaj psikologio. La ekzameno estas dividita en kvar subekzamenojn je diversaj etapoj de la studado. Ĉiu el ili konsistas el diktaĵo, prilingva demando kaj traduktasko. Ĉe la fino de la kursoj, tiel la finstudintoj pri I, kiel pri E, komplete orientiĝas pri kie trovi kiun aŭ kion en la Esperanto-movado.

Por doni al la legantoj ideon pri la ekzamenoj, mi donos ĉi-sube la taskojn de la unuaj subekzamenoj pri E (okazinta la 4-an de marto) kaj pri I (la 6-an de marto). La E-taskaro baziĝis sur la lecionoj 1-6 de la lernolibro kaj la ĉapitroj 1-3 de la kurslibreto, kaj aspektis jene (sen la diktaĵo):

Lingvoteoria demando, originale en la nederlanda:

Kunsttalen of plantalen worden wel onderscheiden in *apriori*-talen en *aposteriori*-talen, en op een niveau daaronder in *naturalistische* en *schematische* talen. Welke kenmerken zijn op het Esperanto van toepassing en waarom?

Traduktasko:

1. La patro de Vilhelmo sidas apud la tablo kaj legas.
2. Ĉu li legas leteron? Ne, li legas libron.
3. Nun li iras al la fenestro kaj donas la libron al Maria.
4. Kia estas tiu libro? Tiu libro estas bona; ĝi estas ankaŭ bela.
5. Ĉu la domo estas via? Jes, ĝi estas mia.
6. En la vazo staras ruĝaj rozoj, sed ili ne havas akvon.
7. La familio loĝas en malnova domo sen ĝardeno.
8. Ĉu estas la kvina horo? Ne, nun estas la kvara!
9. Kie estas la ĉokolado de mia maljuna avino?
10. Ĝi estas sur la planko kaj la hundo havas ĝin.

Post la diktaĵo, la studentoj disponis pri 20 minutoj por formuli siajn respondojn al la supraj demandoj. Dum la progreso de la kurso, kompreneble, la taskoj fariĝos pli longaj kaj pli komplikaj.

La I-studentoj disponis pri tuta horo por fari sian subekzamenon. La demandoj, kiujn mi ripetas ĉi-sube en la nederlanda originalo, tekstis jene:

1. Beschrijf in het kort een voordeel en een nadeel van een hypothetische introductie op dit moment van het Esperanto als spiltaal bij het tolken in het Europarlement.
2. Noem twee als ‘natuurlijk’ bekend staande lands- of regiotalen die in werkelijkheid een eeuw geleden nog niet bestonden en later zijn ‘uitgevonden’.
3. Noem de twee ‘smalste’ definities van de interlinguistiek en maak duidelijk waarin deze zich van elkaar onderscheiden.
4. Wie heeft de term ‘plantaal’ uitgevonden, wanneer en in welke taal?
5. Beschrijf in het kort de drie functies van Montagut volgens welke het Esperanto zich als groepstaal onderscheidt van nationale talen.
6. Geef vier historisch gedocumenteerde redenen waarom de mens zich al eeuwenlang met taalcreatie bezighoudt en geef vanuit elke inspiratiebron één voorbeeldproduct (taal).
7. Noem naast het Esperanto twee andere ‘kunsttalen’ die structureel daarmee vergelijkbaar zijn. Om welke reden is de studie van deze twee (en meer van zulke) talen minder interessant dan die van het Esperanto?
8. Beschrijf in het kort het wezenlijke verschil in aanpak tussen de taalmakers Dalgarno en Wilkins.
9. Vergelijk het gespelde Dalgarno-woord *g-a-m* met de Nederlandse vertaling, die gespeld *w-a-r-m-t-e* is. Hoe beschrijf je het verschil tussen de *signa* of ‘tekens’ van Dalgarno en onze ‘letters’?

Hoe classificeer je een taal als het Solresol?

Mi esperas, ke mi sukcesis doni al vi impreson pri la por-Esperanta kaj pri-Esperanta instruado, kiu disvolvias en la Universitato de Amsterdamo. La venontan fojon mi rakontos ion pri tiu alia branĉo de la katedra laboro: la esplorado.

Wim Jansen

## HOMOJ KAJ NOMOJ.

**Ekzistas leĝa ligo inter homoj kaj nomoj. Nur per la nomo ni povas scii kiun personon ni celas.**

Nomoj decidas pri la identeco de la homo, kiun ni celas. Tio gravas por dokumentoj, kontraktoj kaj aliaj rilatoj. Por diri tion simple: alia nomo signifas alian homon. Tial oni ne laŭ propra elekto povas ŝanĝi sian nomon. Almenaŭ: ne en nia kulturo.

De Sigismundo Pragano ni scias ke en oficialaj dokumentoj oni indikis lin kiel: "Mag. S. Prager, kiu sin nomas Pragano".

Alia nomo estas: alia persono. Kiam oni post tago de streĉa laboro estas laca kaj malpura, oni povas diri post bano kaj ripozo: "Nun mi estas alia homo...". Kaj vere, se oni estas alia homo, ankaŭ alia nomo povas taŭgi. Tion ni vidas kiam homoj ŝanĝas sian religian kredon: kiam ili konvertiĝas al la islamo, aŭ transiras "en Baghwan", ili elektas alian nomon. Oni ja iagrade komencas alian, novan vivon.

Tiel ankaŭ esperantisto el Estonio, kiu ekloĝis en Britio, elektis por si novan nomon: Bruno Najbaro. Kaj tiajn aferojn ni pli ofte konstatas.

Precipe en Azio oni opinias ke ĉe "nova vivo" apartenas nova nomo. Jen bela ekzemplo: La 19-an de majo 1890 naskiĝis en ia vjetnama vilaĝo Nguyen Tat Thanh, kiu poste dum revolucia agado havis la nomon Nguyen Ai Quoc. ĉirkaŭ 1939 li nomiĝis Ho Quang, kaj ofte estis nomata Gia Thu, la maljuna Thu. Nur en 1942 lia nomo iĝis Ho Chi Minh kaj kun tiu nomo li iam estis la prezidento de Vjetnamio.

Ankaŭ ĉe multaj esperantistoj el Azio oni ofte konstatas ke ili uzas novan nomon kiam ili komencas novan vivo-periodon.

Kelkfoje alia nomo nepre necesas. En la vilaĝo Westzaan estis familio kiu vendis lignon "Rote Hout" - nomo kun klara sono, kvazaŭ muziko, kiu indikas ke la ligno estas bonkvalita. Tamen tio nur eblis post kiam ili ricevis novan nomon, ĉar "Rot Hout", putra ligno, apenaŭ estas vendebla.

Simila afero okazis ĉe maŝinfabriko kun la nomo "Modikon". En nia lando ili bone vendis siajn varojn, sed precipe en Francujo oni ofte eĉ rifuzis akcepti la reprezentantojn. Jes, tio okazas kiam iu sin prezentas kiel reprezentanto de "Maudit Con"... Kaj ĉar ĉi tio estas deca artikolo, se vi interesiĝas pri la afero, vi mem serĉu la signifojn en vortaro...

Antaŭ ĉ. 50 jaroj "Staatscourant", la oficiala gazeto de la nederlanda registaro, prezentis kelkdek anoncojn pri nom-ŝanĝoj de familioj en Volendam. Temis pri ŝanĝo de nur unu litero, sed ĉiu komprenos ke "Mooijer" estas pli bela ol "Pooijer" (iu, kiu ekspluatas virinojn, bordelisto, "pimpo"...).

Iam mi ekkonis esperantiston el Usono. Li rakontis ke antaŭ pli ol cent jaroj praavo kun amiko decidis forlasi sian landon, Pollando, unu volis elmigri al Britio, la alia al Usono. Sed dum halto en Britio al la unua Britio malplaĉis, kaj la dua timis la ankoraŭ longan vojaĝon al Usono. Kiel nun fari?

La solvo estis simpla, ili interŝanĝis la vojaĝpaperojn kaj do ankaŭ la nomojn sur ili, kaj ĉiu daŭrigis la vivon kun la nomo de la alia. Ankaŭ nun mi garantias ke la rakonto estas vera, sed ne donos la nomojn...

Ankoraŭ ekzemplo pri nomŝanĝo. Bela rakonto de Belcampo estas "Het grote Gebeuren", "La Granda Evento", kiu rakontas kiel en la lasta tago de la mondo la anĝeloj vizitas la urbeton Rijssen en la provinco Overijssel, por elekti la verajn kristanojn por pluvivi en la paradizo. Drupsteen faris pri ĝi belan filmon, kiun la VPRO montris en la televido.

En la rakonto la anĝeloj precize scias kiujn elekti, kaj mirige, tiuj ofte estis homoj kiuj neniam vizitis la preĝejon, kaj kelkfoje ili neglektis homojn, kiuj havis gravajn funkciojn en la eklezia vivo... Pro la bonaj priskriboj la loĝantoj facile komprenis pri kiuj samurbanoj la rakonto temis. La urba kuracisto bone komprenis la anĝelojn, ĉar li jam dum longe konstatis ke kelkaj urbanoj fakte estas hipokrituloj. Kompreneble la kuracisto ne povis diri tion publike... kaj tial li, Schönfeld Wichers, estis tre kontenta ke la rakonto estis verkita ne de li mem, sed de... "Belcampo".

Kaj menciante tion: al la grava Esperanto-verko "Plena Vortaro" multe kontribuis ia sinjoro Kornfeld.... sed ankaŭ lian nomon vi ne trovos en la listo de kunlaborintoj. Vi mem kontrolu tion !

Kiam Orient-Hindujo ankoraŭ estis kolonio de Nederlando, multaj junuloj tie eklaboris en la kultivejoj de ekz. tabako, kaŭĉuko, kafo, teo k.t.p. La fakon ili lernis ĉe la lernejo por tropika agrikulturo en Deventer. Ili ekloĝis en la kultivejoj, malproksime de urboj aŭ vilaĝoj kaj kutime dungis virinon por kuirado kaj lavado. Kaj pli... Kiam naskiĝis infano, tiu ofte ricevis nomon kiu iom indikis la patron. Tiel ekestis nomoj kiel Rettob (Botter), Remark (Kramer), Rhemrev, kaj tiel plu.

Homoj kun tiaj nomoj tiel kunportas sian historion en sia nomo. En Surinamo la infano de sklavo ofte ricevis la nomon de sia posedanto.

JKH.

## PROJEKTO VERKADO.

Unue ni prezentas al vi la rakonton, kiu restis de la antaŭa numero.
Poste sekvas du rakontoj pri la nova tasko.

## LA KAŜITA TREZORO.

"Ĉu vi memoras mian nomon? Jam estas antaŭ jardekoj kiam ni kune vizitis la lernejon. Mi esperas ke vi akceptos la inviton por viziti min, ĉar mi havas kelkajn gravajn aferojn kiujn mi volas priparoli kun vi...".

Tio estis la teksto de letero kiun mi ricevis. Ĝin skribis Henk, kiu loĝis en ia strato kiam ni vizitis la unuajn klasojn de la elementa lernejo. La gepatroj estis kristanaj misiistoj kaj la familio vojaĝis Indonezion kiam ni estis en la 3-a klaso. Post ilia reveno, kelkajn jarojn poste, ili vizitis min, alportis donace belegan lignan skatolon kaj poste loĝis aliurbe.

Nun li sendis leteron, ke li ŝatus denove renkonti min.



Tuj mi respondis por aranĝi rendevuon kaj kelkajn tagojn poste Henk alvenis. Estis tre agrable, aŭdi pri ĉio kio okazis al li kaj lia familio en la kvindeko da jaroj post la lasta renkontiĝo kaj rakonti pri mia vivo.

Poste Henk iom hezite diris: "Anneke, ĉu vi ankoraŭ havas la skatolon el Indonezio?"

"Ho jes, mi uzas ĝin por miaj ornamaĵoj, " mi respondis. Henk petis ke mi montru ĝin, mi alportis la skatolon kaj li malfermis ĝin, palpis en ĝi kaj tuŝe malfermis klapeton pri kio mi ĝis nun nenion sciis. Tiam li elprenis ion volvitan en peco da papero: belegan oran pinglon!

Mire mi rigardis ĝin kaj Henk rakontis ke onklino iam posedis ĝin. Lia fratino tiom ŝatis tiun pinglon ke iun tagon ŝi prenis ĝin kaj kaŝis en la skatolo. Poste ŝi tre hontis kaj post la alveno en Nederlando ne kuraĝis demandi, kie estas la skatolo. Nur antaŭ kelkaj semajnoj ŝi konfesis ĉion al Henk. "Nun ni povos redoni la pinglon al la heredintoj de onjo," li kontente diris.

Anneke Schouten-Buijs

*(Henk vere estis amiketo en la elementa lernejo, postrevene la familio tamen ne donacis skatoleton sed miniaturajn ŝuetojn, kiujn mi ankoraŭ havas.)*

## EN MALLUMA NOKTO....

"La nokto estis ege malluma. Dikaj pluvonuboj kovris la ĉielon, kaj la luno ne povis penetri ilin. Sed en la ĉambro estis agrable varme, kaj mi legis belan libron. Tiam mi aŭdis la sonojn en nia ĝardeno kiuj anoncis gravan ŝanĝon en mia vivo."

Mi flankenmetis mian libron, iris al la fenestro, iomete disigis la kurtenojn kaj rigardis eksteren. En la lumo de la ekstera lampo mi vidis plurajn librojn, kiuj kuŝis sur la malantaŭa teraso de nia hejmo. Subite terenfalis kelkaj pliaj libroj kaj mi aŭdis la akran voĉon de la supre loĝanta najbarino: "Mi ne plu eltenas ĉi tiun stultan ŝatokupon, viajn geamikojn kaj vian oftan foreston."

Kvar, kvin aliaj libroj falis sur la terason. "Ĉu vi freneziĝis? Ĉesu!" reagis vira voĉo.

Nur kelkajn minutojn poste la sonorilo aŭdeblis, mi iris al la pordo kaj malfermis ĝin. Antaŭ mi staris nia najbaro. Maltrankvile li rigardis min kaj kun ruĝa vizaĝo li diris: "Mi pardonpetas, mia edzino kaj mi iomete kverelis pri kelkaj bagatelaĵoj. Mi venis por preni la librojn." Mi petis lin eniri kaj kune ni kolektis la falintajn librojn. La najbaro kunportis la librojn kaj metis ilin en la kofrujon de sia aŭto. Kun grimaĉo li dankis min pro mia helpo kaj eniris sian domon.

Post malpli ol kvaronhoro mi aŭdis lin denove malsupreniri la ŝtuparon. La najbaro brue fermis la pordon kaj momenton pli poste mi aŭdis lin startigi la aŭton kaj veturi el nia strato...

Du tagojn poste mia edzino ankoraŭ trovis alian libron. La libro kuŝis sur breto inter kelkaj florpotoj kaj estis nur iomete malseka. "Tiun libron mi konas," mi diris al mia edzino. "Almenaŭ mi posedas ekzempleron en nia gepatra lingvo." Sed kiu estas la lingvo de ĉi tiu libro? Ni ne sciis. ĉar nia najbaro ne revenis kaj ĉar mi opiniis ke la najbarino verŝajne ne interesiĝas pri la libro, mi decidis ke la libro nun apartenas al mi. Kiam mi denove bone rigardis la libron mi legis ke ĝi estis eldonita de la Esperanto Literatura Asocio. Neniam mi aŭdis aŭ legis pri tiu asocio. Sed mi estas scivolema kaj post pluraj semajnoj mi ekhavis telefonnumeron de persono en apuda urbo, kiu ŝajne ja scias pri tiu asocio. Mi telefonis al tiu persono kaj montriĝis ke estas maljuna virino. Ŝi invitis min al vizito la venontan vesperon.

Entuziasme ŝi rakontis pri tiu "nekonata" lingvo kaj ŝi proponis instrui ĝin al mi. Mi tuj akceptis tiun afablan proponon kaj pro tio mi ĉiun merkredon vizitis la maljunulinon. Montriĝis ke la lingvo estas pli facile lernebla ol la lingvoj, kiujn oni antaŭ dudeko da jaroj klopodis instrui al mi en la lernejo. Mi tiel diligente studis la lingvon ke post duona jaro mi komencis korespondi kun kelkaj eksterlandanoj. Tiu lingvo pliriĉigis mian vivon. Almenaŭ tion mi opiniis.

Mia edzino havis malan opinion kaj ŝi kelkfoje diris ke la etoso en nia hejmo antaŭe estis pli agrabla. Ofte ni

kune rigardis televidon, aŭ ambaŭ legis libron. Laŭ mia opinio tiu nova lingvo estas pli interesa ol la plimulto de la televidprogramoj kaj por legi libron mia edzino ja ne bezonas mian helpon. Eble mi iom tro fervore okupiĝis pri mia nova ŝatokupo, sed tion mi tiam ne konsciis. Mi eĉ decidis partopreni internacian kongreson en najbara lando. Dum la kongreso mi kelkfoje telefonis hejmen kaj raportis pri miaj travivaĵoj. Mi tute ne rimarkis la malfavoran tonon en la voĉo de mia edzino. Post unu semajno mi gaje reveturis hejmen kaj por mia edzino kunportis kelkajn lokajn bongustaĵojn.

Kiam mi eniris nian hejmon mi vidis ke sur la koridora vesthokaro mankas kelkaj manteloj, jakoj k.t.p. En la domo regis silento kaj neniu respondis mian gajan “Saluton, mi estas hejme.” Strange! Mi malfermis la pordon al nia loĝoĉambro kaj tuj trafis min la foresto de pluraj objektoj. Mirigite mi ĉirkaŭrigardis. Kio okazis? Kelkfoje mi vokis la nomon de mia edzino, sed ŝi ne respondis. Mi iris al la dormoĉambro kaj ankaŭ tie mankis preskaŭ ĉiuj virinaj aĵoj. Mi tute ne komprenis la situacion kaj reiris al la loĝoĉambro. Tiam mi ekvidis leteron meze sur la tablo. Sub la letero estis la libro, kiu iam apartenis al nia najbaro.

Legante la leteron mi ekkomprenis la foreston de mia edzino kaj tiom da ŝiaj aĵoj. Ne havas sencon detale citi la leteron, sufiĉas citi nur unu el la lastaj frazoj: “Mi ne plu eltenas vian stultan ŝatokupon, viajn geamikojn kaj vian oftan foreston.”

De la tablo mi prenis la libron, kiu “kulpas” pri mia esperantistiĝo kaj kolere ĵetis ĝin sur la plankon.

Luit Staghouwer.

## ĈU ŜTELISTOJ ?

“La nokto estis ege malluma. Dikaj pluvnuboj kovris la ĉielon, kaj la luno ne povis penetri ilin. Sed en la ĉambro estis agrable varme, kaj mi legis belan libron. Tiam mi aŭdis sonojn en nia ĝardeno. Tiun ĉi sabatvesperon mi prizorgis la bestojn. Mi estis fiera, mi havas 15-jarojn, Je la deka horo mi fermis la ejojn de 2000 kokoj. ĉiuj kokoj sidis sur la sidstangoj kaj dormis. La ok bovinoj remaĉas trankvile en la staloj, la dudek porkoj kuŝas en pura flava pajlo. Kiel kutime ili ektimas kiam iu iras en la stalon. Mi pensas ke ĉio estas en bona ordo, kaj nun.... Kio estas en la ĝardeno? ĉu mi rigardu aŭ ne... Neniam mi timemis, sed nun, iomete jes... Mi mallumigis la lampojn. Mi iris supren kaj kunprenis la katon en mian liton. Kune kun nia kato mi ne timas. Dum dek minutoj mi ne plu aŭdis ion. Mi konkludis: estis nenio.

La kato estis tre kontenta en mia lito, ĝi ronronis.

Subite multe da tumulto ekstere en la mallumo, sub mia dormĉambro. Mi aŭdis paŝojn de kelkaj personoj sur la gruza vojeto. Mi sciis certe: kelkaj rompŝtelistoj. Ili interparolas. Mi kuŝas en mia lito kaj ŝvitas. La situacio daŭris ĉirkaŭ tri kvaronajn horojn. Poste silento...

Meznokte kiam miaj gepatroj revenis hejmen, mi rakontis pri la fremduloj. Ili ridegis. Mia patro inspektis la ĝardenon ĉirkaŭ la domo kaj feliĉe li ne trovis ion. Ridante li diris: “jen, mi metas mian pafilon apud vian liton, kiam vi vidas dum tiu ĉi nokto la ŝtelistojn vi mortpafu ilin...!” (Mia patro estis ĉasisto)

Frumatene mia patro melkis la bovinojn kaj prizorgis la aliajn bestojn. Dum la matenmanĝo li rimarkigis ke li scias kiuj estis la kaŭzantoj de la nokta ekskurso ĉirkaŭ la domo. En la herbejo forestis du bovidoj. Jes, ili dancis dum la nokto sur la gruzo kaj ‘laŭtparolis’. Ĉiun sabaton mi rastis la tutan gruzan vojeton. Multaj profundaj piedspuroj estis videblaj en la gruzo... En la nokto iu kondukis la bovidojn en la herbejon apud nia herbejo. Feliĉe la enigmo estas solvita.

Sed la sonoj en nia ĝardeno anoncis ŝanĝon en mia vivo. Multajn jarojn mi dormis kun kaŭĉuka bastono sub mia kuseno....

Ans Heijstra-Valkering.
Marto 2008.

## NOVA TASKO:

La fantaziplenaj kontribuoj de la legantoj instigas nin al nova tasko.

Bonvolu kompletigi rakonton kies komenciĝo estas:

En memorinda tago mia amiko, la arkitekto, telefonis al mi kaj demandis: “Morgaŭ mi vizitos fabrikon kiun mi desegnis. ĉu vi ŝatas iri kun mi? “

Tutkore mi akceptis la proponon. Kaj tio estis la komenciĝo de tute nova periodo en mia vivo. Ne timu fari erarojn, se vi estas komencanto. La redakcio kun plezuro zorgos ke via teksto perfekte aperos en nia gazeto!

## KIU LINGVO?

#### DAŬRIGO DE PAĜO 15:

Neniu ridindigas komencantojn, sed kuraĝigas kaj laŭdas ilin kiam ili ekparolas kaj skribas en ĝi.

Oni milde kaj amikece korektos iliajn erarojn.

En la dudek jaroj ekde kiam mi lernis Esperanton mi vizitis multajn geamikojn en orient-eŭropaj landoj kaj antaŭnelonge eĉ dum kvar semajnoj gastis en Taivano kun esperantistoj en tri urboj.

La angla povas esti la lingvo de scienco kaj komerco – sed por amikeco kaj interŝanĝo de ideoj de kor’ al koro mi trovas Esperanton multe pli bonan ilon!

Anneke Buys.

## TRADUKOJ

Anneke Schouten faris poemojn kiujn oni tradukis en la Ĉina kaj Tajvana lingvoj. La tradukojn faris S-ro Chen Chiou Bai, eldonisto de Chairman Poetics. Unu el ili estas “Ferme rustinta”. (Mi mem preferus la titolon: Ruste Fermita”.JKH) Jen ekzemplo:

### *VASTGEROEST*

*Rammel aan de deur*
*tik tegen het slot,*
*de scharnieren.*

*Niets werkt, je blijft*
*buitengesloten*
*tot tranen van frustratie*
*de roest wegbijten,*
*je verlangen olie druppelt*
*en je hart weer*
*soepel opengaat.*

*Anneke Buys*
*17 Jamál 158 / 14 mei 2007*

### *FERME RUSTINTA*

*skuu la pordon*
*frapetu la seruron*
*la ĉarniron*

*Nenio efikas, vi restas*
*elbarita*
*ĝis frustriĝlarmoj*
*forigas la ruston,*
*via sopiro gutigas oleon*
*kaj via koro denove*
*malfermiĝas suple.*

*Anneke Buys*
*traduko majo 2007*

### 銹蝕

搖晃著門板
輕敲著鎖，
鉸鏈。

起不了作用，持續著
直到挫折的淚
吃掉銹
打開了
你的渴望流出油脂
而你的心
再度柔順的開啟。

## KIU LINGVO?

La redaktora enkonduko de Poets International el Barato de junio temis pri La angla ekde la unua klaso en Karnataka.

Jen mia reago pri ĝi:

Mi konsentas ke nuntempe tre gravas la lernado de la angla ĉar ĝi estas vaste uzata en komerco kaj sciencoj kaj kapabligas homojn elmigri por trovi pli bonajn postenojn. Tamen, kia angla instruiĝos?

La prononco de la angla instruita al mi fine de la kvindekaj jaroj estas nek brita nek usona kaj en tiu tempo ne jam ekzistis aŭdovidaj materialoj kaj komputilaj lernprogramoj. Krome ne jam ekzistis tiom da televidaparatoj per kiuj oni nun povas aŭdi “veran” anglan – ĉu britan ĉu usonan. Sed eĉ tiuj ebloj ne garantias edukadon kun korekte prononcita angla. Miaj nepinoj en Rumanio vizitadis la anglan klason de internacia infanĝardeno kaj parolas la lingvon kun forta rumana akcento.

Alia punkto estas ke el la ekskluziva uzo por sciencaj temoj de iu lingvo rezultos manko de sciencaj terminoj en la propra lingvo, kio rapide marĝenigas tiun lingvon. Baldaŭ oni parolas ĝin nur hejme kaj rigardas ĝin kiel dialekton. Tio okazis en la iama Soveta Unio kie nur la rusan oni uzis kiel sciencan lingvon.

La redaktora artikolo mencias ke kiam homoj migras alilanden, ili “vivas pace, ne atencante la landojn kie ili loĝas… ĉiuj parolas la anglan aldone al la gepatra lingvo.” El tio povas rezulti homoj komunikantaj en lingvo ne la propra, kiel kiam rumano en Nederlando parolas angle kun nederlandano. Tio kaŭzas multajn miskomprenojn ĉar homoj emas “traduki” sian nacian idiomon en la anglan.

Mia poemo *To create* estas ekzemplo de tia miskompreno; ĉefine mi skribis: “Uses this ink to write a dot on the “I” that He just wrote.” Legantoj ofte pensas ke mi intencas skribi “I” sed mi vere intencis la literon “i”. La nederlanda esprimo estas: meti punkton sur la i.

La ĝusta traduko estus: “Crossed the “t” that he just wrote” (Trastrekis la literon t, kiun li ĵus skribis).

Homoj ne denaske anglalingvaj kiuj volas bone skribi kaj paroli tiun lingvon bezonas multe da mono kaj tempo por studi ĝin en britaj aŭ usonaj universitatoj, kiuj tiamaniere enspezas grandajn sumojn. Kaj eĉ tiam la studentoj ofte uzas la lingvon ne tute korekte.

En internaciaj kunvenoj la angla ofte estas la ĉefe uzata lingvo; tio nomiĝas lingva imperiismo.

Pro tiuj kialoj, kaj ankaŭ por trovi geamikojn en landoj kiujn mi ne alimaniere povis aliri, mi lernis Esperanton, la internacian helplingvon. En 120 jaroj ĝi evoluis de malgranda libreto kun gramatikaj reguloj kaj rudimenta vortprovizo al vaste uzata lingvo kun miloj da vortoj. Pro tio ke Esperanto estas (preskaŭ) nenies gepatra lingvo, neniu spertas malavantaĝon uzante ĝin.

**DAŬRIGO: PAĜO 14**

